# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 12/05/2016 Ducentsesdeknaŭa eldono 12/05/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **388,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 122. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Fari vortojn. F.

Ni antaŭe rimarkis, ke ĉe vortfarado ĉiam ĉeestas la signifero “speciala”. Vortpluformado laŭ aglutina sistemo en Esperanto (ne en etnaj lingvoj) aplikiĝas ankaŭ al derivado (afiksoj) kaj al alikategoriado (= interŝanĝado de finaĵoj a, o, e, kaj i, ekz. el “patro” al “patra”), ĉar Zamenhof klere decidis, ke ne nur afiksoj, sed eĉ finaĵoj traktatu, kie tio eblas, kiel memstaraj radikoj. Ĉe tiaj vortpluformiĝoj , ekzemple “patra” kaj “bofrato”, la regulo pri la specialeco de la ĉefelemento aplikiĝas, sed ne ĉiam estas facile rimarkebla. Ekz. klaras, ke “disdoni” estas speciala speco de doni, nome “doni dise”, sed ĉu “malplaĉi” estas speciala speco de “plaĉi”? Ne, ĝi estas speciala speco de “mal”, nome “mali pri plaĉi”, ĉar la ĉefelemento ĉi tie estas “mal”, en la komenco. La kaŭzo estas natura: kelkaj prefiksoj sekvas kontraŭan regulon pli fortan; ili estas nur bo-, eks-, ge-, mal-, pra-. kaj pseŭdo-. Kelkaj sufiksoj agas same, sed kontraŭe, nome ke ili, kvankam laste, estas flankelementoj en la vorto, ekz. “dometo” estas “eta domo”; do “domo” ĉi tie estas la ĉefelemento. Tiuj sufiksoj estas nur -aĉa, -ega, -eta, -umo, -ifi, -ĉjo, kaj –njo. Sed en ĉiuj aliaj kunmetoj la lasta elemento estas la ĉefelemento.

Daŭrigota.

Marcel Leereveld.



## Esperanto-Domo Sidnejo

Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato 13:00

Aferkunveno antaŭe je 11:00. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



★★★★

# Nokta Kunveno ĉe Esperanto-Domo



# kun muziko, pico kaj amikoj

La dua okazos la 14an de Majo, Sabaton, 6ptm, nokto kun amikoj, ktp.

# La Esperanta Grupo de Whyalla

Lastsemajne Trevor Steele iris al Whyalla por instrui la Esperantan Grupon de Whyalla U3A. Ni havis tri tagojn kun malfacila laboro. Ni vere kore dankas Trevor. Ĝi estas nia sola ŝanco aŭskulti Esperanton dirante. Ni havis lunĉon ĉirkaŭ la angulo de universitato en la kafejo Aroma. Estis bona vetero do ni sidis ekstere.

Niajn dankojn al Trevor



Bruce kaj Mick



Marja kaj Rae



Ekstere en la kafejo, Mick, Trevor kaj Rae.



Bruce, Rae, Trevor, Marja kaj Mick

Ne estas lastsemajne sed antaŭ tri semajnoj (?)
Marja Nielsen
Whyalla U3A





## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venis sabaton la 7a je Majo, Roger, Chris, Eunice John, kaj Jano





**3ZZZ** La tria de junio je la 3a ĝis la 5a okazos la jarkunveno de la grupo Esperanto en 3zzz en la kunvenĉambro de la nova stacio 309 albert strato Brunswick.

ĉi tiu jaro estas voĉdonjaro. Nur la ĉeestantoj rajtas voĉdoni. Eblas akiri nomumformularon de la radiostacio mem . Kontaktu ĝin je la adreso www.3zzz.com.au

Je la momento la retejo de la Melburna Esperanto Societo, kie enestas la arkivoj de niaj programoj, ne alireblas. Mi tre bedaŭras tion kaj sciigos la aŭskultantojn kiam ĝi ree funkcios.

La kunvokanto Franciska Toubale

## Vortoj de "Lernu"



PINĈI

Premi inter du fingroj aŭ inter du pecoj:
La patrino koleriĝis kaj pinĉis la orelon de sia infano.
La kaprinoj pinĉis la herbon.
Lia pinĉo estis dolora.
Mi bezonas nur pinĉaĵon da salo por la salato.
Por forigi nebezonatajn haretojn oni uzas pinĉilojn.

ŜVEBI

1. Resti kvazaŭ pendanta aŭ gliti en aero kun etenditaj, ne moviĝantaj flugiloj aŭ kun haltinta motoro:
Nia aviadilo devas dume ŝvebi super la aerodromo.
Multe da birdoj ĉirkaŭŝvebis la arbon.



2. Resti pendanta aŭ gliti en aero:
Estas bela tago kaj neniu nubo ŝvebas en la aero.
Ĉiuj ĝuis la ŝvebadon de aerostato.
Mi ne vidis kio preterŝvebis - estis jam mallume.
3. Daŭre restadi en imago aŭ memoro:
Ŝia vizaĝo ankoraŭ longe ŝvebis en lia memoro.
Pasintnokte denove la sama sonĝo enŝvebis.
4. Disetendiĝi, disvastiĝi:
Dum la festo ŝvebis tre amika etoso.
Baldaŭ la nokto alŝvebos.
5. Resti nefiksa, necerta, nedecidita:
La vortoj ŝvebis sur mia lango sed mi ne kuraĝis ilin diri.